# PENSEO

*N-ro 164*

*Junio/2005*

**Monata Beletra Revueto en Esperanto**
**Honorita de Premio Grabowski,1994**

**Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 16-a jaro http://www.elerno.net/penseo.htm**


## Bingxin (1900-1999)

## Malgranda Lanterno el Orangŝelo

(II)

Mi duonvoĉe demandis: "Ĉu aliaj anoj estas en via familio?" Ŝi diris: "Nun estas neniu alia ano, mia paĉjo forestis ekstere…" Ŝi ne plu daŭrigis. Ŝi nur malrapide elprenis la oranĝpecojn unu post la alia kaj metis ilin ĉe la kapkuseno de ŝia patrino.



La lumeto de la fornfajro iom post iom mallumiĝis.Jam vesperiĝis. Kiam mi stariĝis por foriri, ŝi tiris min kaj, preninte kudrilon trairitan de tolfadeno, ŝi lerte simetrie tredis la fadenon tra la randon de la bovloforma oranĝŝelo samkiel korbeto, kaj ĝin pendigis per maldika bambua stangeto, kaj post tio ŝi prenis stumpon de kandelo, enmetis ĝin en la oranĝobovlon, bruligis ĝin kaj transdonis al mi dirante: "Vesperiĝis kaj la vojo estas glita. Lasu tiun ĉi malgrandan lanterneton prilumi vian vojon kiam vi ascendos monton!"

Mi admire akceptis ĝin kaj dankis ŝin. Ŝi akompanis min ĝis ekstere de la pordo. Mi ne sciis kion mi devus diri. Ŝi diris, kvazaŭ denove konsolante al mi: "Nelonge, mia paĉjo nepre revenos, tiam mia panjo jam boniĝos." Ŝi desegnis cirklon antaŭ si per sia maneto , kaj post tio enpremis ĝin sur la mia: "Ankaŭ ni ĉiuj boniĝos!" Evidentiĝis, ke "ni ĉiuj" inkluzivas ankaŭ min.

Tenante tiun ĉi delikatan lanterneton, mi malrapide iris sur la obskura kaj humida montvojo. La nebula oranĝruĝa lumo efektive ne povis atingi pli malproksimen, tamen la aplombo, kuraĝo kaj optimisma spirito stimulis min, kaj mi kvazaŭ viziis antaŭ mi senliman brilon.

Vidinte la lanterneton en mia mano, mia amikino, kiu jam revenis, demandis, de kie mi venas. Mi diris: "De…la hejmo de Wang Chunlin." Ŝi surprizite diris: "Wang Chunlin, tiu ĉarpentisto. Kiel vi konas lin? Lastajare en la medicina kolegio ĉe montpiedo kelkaj studentoj rigarditaj kiel kompartianoj estis arestitaj for kaj poste ankaŭ Wang Chunlin perdiĝis. Laŭdire, li ofte transdonis mesaĝojn por la studentoj…"

Tiunokton mi foriris de la montarvilaĝo kaj de tiam mi aŭdis nenion pri la knabineto kaj ŝia patrino.

Sed de tiam, okaze de ĉiu Printempa Festo, mi ekmemoras la malgrandan lanterneton el oranĝŝelo. Pasis dek du jaroj. La paĉjo de la knabineto certe jam hejmreiris delonge, kaj ŝia panjo ankaŭ certe boniĝis? Ĉar "ni ĉiuj" jam "boniĝis"!

Esperantigita de Xiong Linping

## MIKRONOVELO

## Donu Kvitancon al Mi!

**Zhuang Qixiong**

En la bankedo direktoro Z plenigis stomakon per biero. Li sentis sin vere suferanta, kaj nesufereble ekstaris kaj diris al aliaj, "Mi tuj revenos post pisado." Apenaŭ li finis tiujn vortojn, li rapideme kuris al publika necesejo ekster la restorario. Tiumomente longe detenante sin de urinado, liaj subuloj S, K kaj M interrigardis kaj ankaŭ hastis al

necesejo.

Ĝi estas nove konstruita ĉijare, kaj ankoraŭ aspektis iom impone. Ĝuste kiam direktoro Z enkuris, la pagkolektisto retenis lin ĉe la pordo, kriante, "Ne hastu! Pagu unue!". La direktoro enŝovis sian manon en pantalonpoŝon kaj fingrumis longan tempon, sed elprenis nur moneron de dek fenoj. La pagkolektisto aldonis, "Dudek fenoj por ĉiu." S-ro Z ruĝiĝis de embaraso. Feliĉe liaj tri subuloj atingis ĝuste tiam. S, ĉe la kapo de la triopo, tuj lin elturnigis per la vortoj: "Unue vi eniru. Mi pagos por vi.". Kun dankemo, Z ĵetis rigardon al S kaj rekte enkuris en la necesejon. S elpoŝigis bankbileton de du jŭanoj kaj krude ĝin metis en la manon de la pagkolektisto. "Ĝin tenu. Ni kalkulu la pagon post kiam mi eliros." Tiuj tri tuj eniris la necesejon. Post pisado, S lasis aliajn tri foriri kaj li mem restigis sin por kalkuli la pagon.

La pagkolektisto kalkulis, "Dudek fenoj por ĉiu. Kvar faras entute okdek fenojn. Mi donas al vi apunton de 1.2 jŭanoj." Kapjesante, S tamen ne volis akcepti la monon. Li ordonis, "Donu kvitancon al mi!" La pagkolektisto dubeme demandis, "Ĉu necesas la kvitanco por la pago de pisado?" "Kompreneble. Nu, mi devas peti repagon por mia elspezo je pisado, ĉu ne? Mi bezonas atestilon. Pisado ankaŭ estas parto de nia laboro," S tiris sian voĉon.

La pagkolektisto maltrankviliĝis. "Via gvidanta moŝto, ne ĝenu min. Mi kalkulu laŭ favora prezo, se vi ne postulas kvitancon! Dek fenoj por ĉiu, ĉu bone?" S tamen skuis sian kapon, dirante, "Mi ne bezonas vian favoran prezon! Necesas, ke mi devas plendi al via gvidanto. Vi nek klare indikas la prezon nek provizas kvitancon. Kia fuŝa situacio ĉi tie! Plibonigu vian regularon kiel eble plej rapide, alie mi petos koncernatan departementon kontroli viajn mankojn en via laboro!" Lia konduto serioziĝis.

Finfine, la bankbileto de du jŭanoj devone revenis en la poŝon de s-ro S.



## Sunfloro en sunlumo

**Mang Ke**

ĉu vi rimarkas la sunfloron
jen ĝi ne klinas tamen
aldorsen sian kapon turnas
por, ŝajne, morde rompi l'
volvitan ĉirkaŭ sia nuko
kaj l' tiritan de sunman' ŝnuron

ĉu vi ĝin vidas
levitan kapon ĝian
koler-rigardon al la suno ĝian
preskaŭ kovras ĝia kap' la sunon
eĉ sen sunlumo kapo ĝia
ankoraŭ brilas per radioj

ĉu vi rimarkas la sunfloron
aliri al ĝi vi proksimen devas
tiele trovi apud ĝi vi povas
el ĝia subpieda tero
manpleno da tereroj
gutetas sango ĉe premeto



elĉinigis **Yang Fang**

## Dek Du Cignoj

**Xi Chuan**

cignoj
sen la ombro

tiuj dek du cignoj ame kunvivantaj
alireblas malfacile

ili kiel muzikiloj
gakas sian ĥoron

kiam ili svingas siajn flugilpaorjn
 arĝentblankajn
aerfluo iliajn grandajn korpojn
alte levas

flanken unu tempo fadis kune
kun sarkasmo sia

pensu, mi kaj dek du cignoj
vivas en la sama urbo!

la dekduo ĉe la lago brilas
hu maltrankvilige

inter anasfloko ili tenas
puran sovaĝecon

akvo servas kiel land' ilia
ŝaŭmoj kiel iliaj gemoj

ĉiufoje kiam sonĝas ni pri ili
jen vizias koloj fieraj iliaj
kliniĝantaj en la akvo

kio liberigas ilin de sinkado?
ĉu palmopiedoj iliaj?

pere de aŭguroj la plumaraj
fojrefoje ili trovas perditajn talismojn

vasta lag', profunda la ĉiel': poemoj
estas superfluaj

kiel mi deziras vidi naŭdek naŭ cignojn
novnaskiĝi en lunlumo!

transformiĝi cign' mi devas, tiel sekvi
povas mi malantaŭ ili —

min orientigas l' astroj

aŭ sur la folioj de lotusoj kaj akvohiacintoj
suĉas la malluman nokton



elĉinigis **Vejdo**

# Mia Panjo

## Mick Micheyl

1950

Ja malgrandas ni, tiom grandas mond'
Kiel estus viv' sen panjo nia?
Per unu vort' nur refidigas ŝi
Kaj forgesigas infanĉagrenojn

Panjo mia estas panjo ja
Kiel panjoj ĉiaj
Sed jen ŝi estas mia.
Kaj al mi kiu povas nur
Estigi ĝojon ? nu vidu estas mia.
Rigardo al ni sufiĉas
Ke nia pens' diveniĝas
Nu mi kaptas ŝin per la kol'
Kaj ŝin plenkovras per kisoj.
Panjo mia estas panjo ja
Kiel panjoj ĉiaj,
Sed jen ŝi estas mi-i-a.

Kiam mia kor' spertis aflikton
Mi ŝovis manon en ŝian manon
Per sorĉa povo afliktoj flugis
Kvankam mi grandas, memoras la kor'.

Panjo mia estas panjo ja
Kiel panjoj ĉiaj
Sed jen ŝi estas mia.
Kaj al mi kiu povas nur
Estigi ĝojon ? nu vidu estas mia.

Rigardo al ni sufiĉas
Ke nia pens' diveniĝas
Nu mi kaptas ŝin per la kol'
Kaj ŝin plenkovras per kisoj.
Panjo mia estas panjo ja
Kiel panjoj ĉiaj,
Sed jen ŝi estas mi-i-a.

Esperantigis **Roland PLATTEAU**
23-24/10/2003

# Sopiro al Nordo

**Ying Shu**

sopir' al nordo iras
sopiro al restanta neĝo
ĉe tegmentrando en sunlumo
jen kvazaŭ kolombar' sidanta
sopir' al nordo iras
sopiro al ĉedomaj lampoj
kiam mi hejmrevenas
jen kvazaŭ brilaj okul-pupiloj la edzinaj

sopir' al nordo iras
sopiro, kvazaŭ leda vipo,
krakadas brue sur la nordo
sopir' al nordo iras
ĉar la hejmlok' ĝi 'stas soife sopirata
mi nun suferas la doloron de trapiko

sopir' al nordo iras
mi volus perpiede
transiĝi super norda neĝkotaĵo
per la rigidaj fingroj
por ŝov-ordigi ruĝan la koltukon
de mia edzineto

sopir' al nordo iras
neniu volas en fremdurbo
restigi sian elĉerpitan ombron
jen kvazaŭ vento perdiĝinta

sopir' al nordo iras
sopir' al ĉiuj nordaj markoj
sopir' al nordo iras
la nord' situas ja tuj apud mia sonĝo

sopir' al nordo iras
sopiras vere mi dufoje ĉiutage
de tag' ĝis nokto unufoje
de nokt' ĝis tago alifoje

elĉinigis **Vejdo**

**Korektado**

En n-ro 163, la verso "Poploj kaj salikoj verdas kaj river' kvietas" en *Unu Ĉineska Poemo* devas legiĝi "Poploj kun salikoj verdas kaj river' kvietas", laŭ la peto de la verkinto.

**Red.**

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊

Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: Fremdlingva Fakultato, Nanhai Kolegio de Sud-Ĉina Normala Universitato, Nanhai, Guangdong 528000, Ĉinio
Tel: (0757) 86366253 (hejme)
E-poŝto: vejdo@elerno.net
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.net/penlisto.htm

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊